ĴAŬDO 23 AŬGUSTO 1906. Unu Numero : 10 CENTIMOJ DUA JARO. — N° 24

# ★ ESPERANTO ★

·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·

Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
**GENÈVE (Svisl.) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)**

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj, **4** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribajo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | | 24 sinsekvaj numeroj | |
|---|---|---|---|
| 10 Kopioj | fr. **10** | 10 Kopioj | fr. **24** |
| 24 » | » **20** | 24 » | » **48** |

*La venonta n-ro de « Esperanto » eliros : Dimanĉo 26 Aŭgusto*

## PARTO OFICIALA

## La laboro de la kongreso

La Esperantistoj ne tute interkonsentas pri la signifo kaj celo de niaj Universalaj kongresoj.

Laŭ kelkaj, ili estas kaj devas esti nur okazoj por festoj, solenaj paroladoj, festenoj, toastoj, teatraj prezentadoj, ktp.

Laŭ aliaj, ili estas kaj devas esti sole dediĉataj al raportoj, disputoj, voĉdecdoj, ktp.

Mia opinio estas, ke niaj kongresoj povas kaj devas doni samtempe lokon en si al amuziĝoj kaj al laboro, kiel cetere faris la unua kongreso de Boulogne, kiu tiel mirinde kunigis « utile dulci ».

Pri la dolĉeco de la amuziĝaj kunvenoj en Boulogne, mi nenion diros, ĉar ĉiuj ĉeestintoj neniam forgesos ĝin ; sed ĉu la utileco de la laboraj kunsidoj estas malpli [illegible] havis por la estonto de nia afero ?

Sendube en tiuj kunsidoj la ĉeestanta Esperantistaro ne rapidis tranĉe decidi ĉiujn demandojn, kvazaŭ ĝi ne estus certa pri la morgaŭa tago : ĝi starigis nenian definitivan organizacion ; sed tamen tre prudente, tre singardeme ĝi pretigis la larĝan kadron de libera evoluado, unue akceptante la *Deklaracion*, kiel fundamentan ŝtonon de la tuta Esperanta konstruaĵo, due starigante, laŭ la volo kaj sub la direktado de Zamenhof, la *Lingvan Komitaton*, kiu zorgados pri la regula disvolviĝo de la lingvo laŭ la netuŝeblaj principoj de ĝia genia kreinto kaj la *Organizan Komitaton*, kiu kunhelpos la lokajn komitatojn por la organizado de la venontaj kongresoj, kaj el kiu kredeble eliros la konstanta oficejo de la Esperantaj Kongresoj, simila al tiu de la Sciencoj kaj de la Paco.

Aliparte, ĉu ne estas tre grave por nia afero, ke la Bulonja kongreso ebligis precizigi la veran elparoladon de nia lingvo, ne nur per teoriaj rezonoj, sed ankaŭ per praktikaj ekzemploj donitaj de nia majstro mem ?

Sed la Kongreso utilis ankaŭ per la apartaj kunvenoj, kiuj okazis dum ĝia daŭro inter specialaj fakoj de esperantistoj, nome inter la medicinistoj, edukistoj, ktp.

Ni esperas do, ke la venanta Kongreso de Genevo, same kiel ĝia frato unuenaskita, provos ne nur ĉarmi siajn partoprenantojn sed ankaŭ utili al la tuta esperanta afero per sia serioza kaj fruktodona laborado.

Kompreneble, en ĝeneralaj kunsidoj estas neeble decidi definitive pri la konstituciaj demandoj de Esperantismo ; ĉar inter multaj aliaj kaŭzoj la Kongresanoj ne havas por tio rajtigon de ĉiuj Esperantistoj dislogantaj en la tuta mondo ; kaj eĉ mi ne vidas kiamaniere oni povus efektivigi tian universalan reprezentadon de la Esperantistaro, pri kiu kelkaj ŝajnas revi. Grupojn kaj societojn esperantistajn certe oni povus reprezenti per delegitoj ; sed kiel reprezenti la multe pli grandnombrajn individuojn Esperantistajn, kies nombro ĉiutage kreskas, al nenia grupo aŭ societo apartenantajn ? La Kongreso tamen povas montri pri tiuj demandoj, kia estas la ĝenerala celado de Esperantistaro, kaj prepari la estontajn solvojn. Se iu okaze pensus, ke ĝi eraris pri la veraj sentoj kaj deziroj de Esperantistoj, li povus tute libere kontraŭmeti sian opinion al la opinio de l'Kongreso ; kaj la tutmonda esperantistaro juĝos.

Sed la ĉefa laboro de la Kongreso efektiviĝos kredeble en la apartaj kaj fakaj kunvenetoj.

Ekzemple la *Lingva komitato*, kies membroj estas disigitaj sur la tuta terglobo, profitos sendube la okazon por kolektiĝi kaj starigi sian organizacion kaj laboran metodon, kiu fariĝos multe pli facila per unutaga buŝa interparolo ol per unujara skriba korespondado.

Same la Unuiĝo de la *Esperantistaj Edukistoj*, jam skizita en la unua kongreso povos definitive formiĝi kaj eble fariĝi internacia, ktp. ktp.

Ni do venu al Genevo kun la intenco montri al la publiko ke Esperanto [illegible] viva kaj bela kaj ĝoja afero, sed ankaŭ efike laboradi por ke ĝi pli certe kaj potence kresku kaj floru kaj fruktu super la tuta mondo.

Emile BOIRAC.

## DUA KONGRESO UNIVERSALA en Ĝenevo.

*de la 28ª de Aŭgusto ĝis la 6ª de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

### GAZETISTAJ KARTOJ

Multaj personoj demandas nin pri la invitaj kartoj al la gazetistoj, jurnalistoj, korespondantoj de revuoj, kc. La Loka Organiza Komitato decidis preni sur sin la inviton de jurnalistoj svisaj kaj de tiuj kies lando ne havas nacian propagandan societon. Por la aliaj landoj, devas zorgi mem la naciaj propagandaj societoj. Se ili deziras inviti al la Kongreso sialandan jurnaliston, ili devas simple pagi al li kongreskarton verdan kaj la diversajn kartojn, ĉu de festeno, ĉu de ekskurso al kiuj ili deziras ilin inviti.

• • •

### NOTU BONE !

La kasisto petas la monsendantojn ke ili ne plu alsendos ĉekojn, escepte tiujn pageblajn ĉe vido en Genevo.

Li ree esprimas la peton ke ĉiu sendanto klare kaj detale skribu sian nomon, adreson, numeron se li estas jam enskribita, kaj la diversajn aferojn por kiuj li sendas monon.

Nenian ĉekon aŭ mandaton sendu al alia nomo ol tiu de S-ro JIRA, kasisto de la Loka Organiza Komitato, 7, rue des Vollandes, Genève.

## PARTO NEOFICIALA

## ESPERANTO-JURNALO

Anonima Akcia Societo

La akciuloj de la Anonima akcia societo *Esperanto-Jurnalo* estas kunvokataj por la **sabato 1-a de septembro**, en la lokalo de « l'Union Libérale », 10, quai de la Poste, en Genevo, je la 3-a p. m.

## Kelkaj praktikaj aferoj

*Esperantistaj Hoteloj.* — S-ro Schneeberger estas tute prava skribante, en la numero 22 de « Esperanto », ke la plej bona rimedo por varbi al ni la hotelistojn, estas paroli kaj postuli ĉe ili nian lingvon. Mi aldonas, ke ni devas postuli ankaŭ ĉe ili gazetojn esperantistajn.

Kiam vi eniras la legoĉambron de granda hotelo, kie estas plej ofte ĉiuspecaj revuoj, pri politiko, novoj, sportoj ktp., petu al la kelnero, ke li donu al vi ian esperantistan revuon por legi. Se li havas nenian, diru senŝancele : Kiel ! Vi havas tieĉi ĉiuspecajn gazetojn kaj nenian esperantistan ! Mi plendos al la mastro ! Tiel ankaŭ vi povas fari en la kazinoj kaj en similaj luksaj firmoj.

Se vi estas en malgranda hotelo, kompreneble, vi ne povas trudi tuj al la mastro abonon al unu el niaj gazetoj. Ce tiu okazo, mi konsilas al vi, ke vi metu mem unu kopion de unu esperanta jurnalo sur la tablon de la salono, ŝovinte en ĝin ŝlosilon de Cefeĉ. Baldaŭ vi rimarkos, ke viaj kunloĝantoj trarigardos la diritan jurnalon, provante ĝin legi per la ŝlosilo. Post kelkaj tagoj, se vi restados kelke da tempo en tiu hotelo, kaj se vi estas iom lerta, vi estos [illegible] kelkajn personojn al nia afero ; oni parolos pri nia lingvo, oni lernos ĝin en la hotelo, kaj la mastro, interasata de Esperanto, kredeble ne rifuzos aboni revuon.

Tion mi mem eksperimentis, sukcese, uzante nian belan revuon « Tra la Mondo », kiu ĉefe taŭgas por tio, pro ilustrajoj.

Jen estas nova listo de esperantistaj hoteloj. La steleto montras la hotelistojn, kie almenaŭ unu oficisto korespondas kaj parolas en Esperanto, La litero *K* montras la hotelistojn, kiuj nur korespondas en Esperanto.

* Café du chemin de fer (kaj hotelo) en Houlgate, (Calvados). Fr.

K Hotelo Darnesin, Continental, en Aix-les-Bains, (Savoie). Fr.

K Hotelo de Paris, en Aix-les-Bains, (Savoie). Fr.

K Hotelo de l'Espérance, en Marécottes, apud Salvan, (Valais) Sv.

R Pension-Hotelo Fornay, en Saint-Gingolph, (Valais) Sv.

*Somerrestadoj.* — F-no N. Perny, profesorino en Châlon-sur-Saône, pasigas la monaton aŭguston en hotelo de l'Espérance, en Marécottes, apud Salvan (Valais) en kiu estas ankoraŭ pluaj samideanoj.

S-ro Muffang, profesoro en Angers'a liceo, restos en Vittel (Vosges) de la 2-a de aŭgusto ĝis la 4-a septembro. Li deziras renkonti tie samideanojn.

*Esperantistaj oficejoj.* — En mia lasta artikolo, mi turnis min al la grupoj, kluboj, ktp. kaj demandis ilin :

I-e. — Se komercistoj, (hotelistoj, ktp.) esperantistaj aŭ ne, sendos al vi prezarojn, gvidlibrojn, aŭ aliajn propagandilojn, individuajn aŭ multopajn, redaktitajn en Esperanto, ĉu vi promesas :

*a)* ilin disdoni, komuniki al la esperantistoj de via urbo, ĉe viaj kunvenoj ?

Jen kiel, laŭ mia opinio, oni povus trafe konigi, komuniki, disdoni tiujn komercistajn propagandilojn al la esperantistoj.

Je la komenco de ĉiu kunveno de la grupo aŭ de la klubo, la prezidanto devas diri al la ĉeestantoj : « de la lasta kunveno, mi ricevis prospektojn de la firmo A, kartojn de la hotelo B, C, kc., gvidlibrojn per kiuj ni povas doni informojn pri la urbo T., kaj la ĉirkaŭlando. Tiujn paperojn, mi igas disponeblajn al tiuj, kiuj ilin povas utili ».

Por ricevi, ordiĝi tiujn komercajn propagandilojn, por ilin kunporti al la kunvenoj, estas dezirinda, ke oni difinu en ĉiu grupo apartan sekcion aŭ almenaŭ specialan sekretarion. Tiel, ni sciiĝis plezure ke la Pariza grupo fondis specialan sekcion sub titolo : Sekcio industria kaj komerca de la esperantista grupo pariza. Kiel oni povis legi en la letero de S-ro Balliman presita en la 21-a numero de « Esperanto » la komitato de tiu sekcio petas adreson de simila oficejo en ĉiu urbo.

Do mi tre varme konsilas al la grupoj kiuj respondis jese al mia demandaro de la 21-a numero, ke ili pretiĝu por interrilatiĝi kun la aliaj grupoj cititaj en tiu ĉi jurnalo, kaj precipe kun la pariza sekcio ; speciale, ili faros bone, kreante tuj apartan komercan sekcion, aŭ elektante specialan sekretarion.

Al la listo jam publikigita de tiuj grupoj, mi aldonas :

Franclando : Annecy, Aix-les-Bains.
Bohemlando : Leitmeritz (Litomĕrice).

Th. ROUSSEAU.

## DIVERSAĴOJ

### Atentinda Avizo

Sinjoro ZACHERL Karl, el Passau, estas insiste petata tuj konigi sian adreson.

* * *

**Societo Hungara Esperantista** jus fondiĝis. Post longodaŭra malfacila laboro, batalante kun grandaj malhelpajoj, haltigate de malfavoraj politikaj kaj sociaj rilatoj, fine tamen venkis nia ideo, ankaŭ en tiu lando. En la 10-a aprilo havis la organiza komitato la lastan kunvenon. Post du semajnoj de ĉi tiu dato kunsidis la ĝenerala kunveno. Oni akceptis unovoĉe la statutojn kaj sendigis ilin en ministraron por konfirmi oficiale. Jam estas tri kursoj organizitaj, kiujn oni legas ĉiusabate en klubejo (Központi varoshaz, Hintercker-féle vendéglö).

* * *

### Propagandaj afiŝoj

La Grupo de Versailles jus eldonis propagandajn afiŝojn (en formo de 62 × 21 cm. banderoloj.) redaktitajn nur en Esperanto.

La vorto « ESPERANTO » per grandaj literfs altiras de malproksime la rigardon. Sub ĝi estoa presita la konata frazo : « *Simpla, fleksebla, belsona, vere internacia en siaj elementoj, la lingvo Esperanto prezentas ktp...* » tre taŭga por montri specimenon facile kompreneblan de nia lingvo.

Tiuj afiŝoj estos certe bonegaj propagandiloj, kaj tre taŭgos por veki intereson al Esperanto, aŭ ĝin periode reveki, precipe antaŭ anonco de parolado aŭ malfermo de kurso.

*50 Ekzempleroj 1 fr. — afrankite 1 fr. 25*
*100 » 1 fr. 75 » 2 fr. 20*

Sendu mendojn al Sro Corret, sekretario de l'Grupo, 12, rue de Vergennes, Versailles (Seine-et-Oise), France.

Tiuj afiŝoj estos aĉeteblaj ĉe la kongreso.

* * *

### Kunvenoj de Specialistoj

Oni memoras ke, en 1905, multaj kunvenoj de esperantistoj okazis dum la Kongreso de Boulogne, nome tiuj de la framasonoj, katolikoj, jurnalistoj, kaj pacifistoj. Aliparte, oni scias, ke, de tiu epoko, fondiĝis multaj profesiaj kaj specialistaj societoj de esperantistoj.

De nun oni sciiĝas ke dum la Kongreso de Genevo okazos similaj kunvenoj. La necesaj informoj pri tiuj kunvenoj estos donataj ĉu per afiŝoj kaj prospektoj dum la kongreso, ĉu per la gazetoj. Interesatoj povas sin turni al la jenaj personoj.

*Dentistoj :* S-ro A., Cunningham.
*Edukistoj :* S-ro Boirac.
*Framasonoj :* S-ro Boucon.
*Instruistoj :* S-ro Teodor Cejka.
*Maristoj :* S-ro René Mesmy.
*Oficiroj :* Leŭtenanto Bayol.
*Pacifistoj :* S-ro Gaston Moch.
*Prezidantoj* de naciaj societoj : S-ro Louis de Beaufront.
*Protestantoj :* S-ro Schneeberger.
*Socialistoj :* S-ro Brelaz, (Cercle Communiste, Genève).

Estus dezirinde ke, dum la Kongreso, povos okazi multaj aliaj similaj kunvenoj kiuj montros klare la utilecon kaj taŭgecon de Esperanto en ĉiuj aferoj kaj demandoj. La personoj, kiuj deziras organizi tiajn kunvenojn estas petataj sin turni de nun al la Kongresa Sekretariejo, kiu penos havigi al ili la necesajn lokojn kaj halojn.

## *Bela surprizo por la Kongresanoj*

La kongresanoj vidos kaj rigardos kun plezuro kaj miro la belan *Statuon de la Esperantistino* de Fr. Schaufenbühl, ano de la Svisa Esperanta Societo, kiu troviĝas en la ekspozicio.

La genia artisto solvis la problemon, ŝtone enkorpigi la komune utilan idealon de tutmonda helplingvo per la arto de la multkolora plastiko. Rigardante la verkon, kiu eble estas la plej bela surprizo por la kongresanoj en Genevo, ni vidas la "Esperantistino", virina figuraĵo en delikata verda nuanco, kiel simbolo de la mondlingvo, genuflekse sur blua kuglo.

La artisto rajte elektis tiun ĉi pozicion, per kiu li propramaniere kaj sendepende forlasis la tradician "flugpendan". La divido de la figuroj estas tre originala kaj impresema ĉirkaŭ la blua kuglo grupiĝas kvin blankaj figuraĵetoj, simboloj de la kvin mondpartoj en riĉa variacio, ĉiu el ili en alia sintenado kaj alia faro. Plue ni trovas, kiel bonega simboligo, la telefenon, ĉar per tio la artisto przentas la ilon, evidentigi la ideon, ke per la helplingvo tutmonda "Esperanto" estas eble interrilatiĝi kun ĉiuj nacioj de l'universo. "Esperantistino" estas reprezentata parolante, kio estas tre logika momento; la dekstra mano tenante la telefontubon kuŝas sur la genuo, preta ricevi la respondon. Eĉ la figuraĵetoj estas tre bone rekoneblaj en ilia rasa diferenco. Ce la piedoj de la Esperantistino staras la simbolo de Eŭrope, kiel lulilo de la tutmonda lingvo, publikigante per fanfaro laŭtempan novaĵon.

En vera ĝojo pri la bela verko ni sincere kaj plenrajte povas diri, ke la artisto mirinde solvis sian taskon kaj trovis la plej bonan manieron esprimi artistan ideon; klare kaj bonkompreneble la arta grupo sin prezentas al la rigardanto kaj honoras ĉe ĉiuj kongresanoj kaj eĉ ĉe la tuta Esperantistaro la artiston, kiu estimis la ideon plene indan, esti senmorteble per ŝtonaĵo. La tuta grupo kiel multkolora plastikaĵo estas pure originala arta kreitaĵo, ĉu en kompozicio, ĉu en koloro kaj materialo, kaj estas certe sola en sia speco sur la tuta teritorio de la plastiko.

Se ni havus la feliĉon vidi la labormanieron de la juna artisto kaj la liberecon de lia arta kreado, ni certe vidus en li ekestantan genion. Ni nur deziras ke la statuo havu sian indan lokon ne nur dum la kongreso, sed ankaŭ poste kaj por ĉiam. Certe la ofero ne estus tro granda, akiri ĝin kiel memoro de la Svislanda kongreso kaj tiamaniere konservi ĝin al la Esperantistaro. F. S.

* * *

## *Oficialaj Postkartoj de la S. E. S.*

Okaze de la kongreso la Svisa Esperanta Societo eldonis tre belajn kaj signifajn poŝtkartojn, originale desegnitajn de la arta pentristino, Anna Haller, komitatanino de la Esperantista grupo en Biel. La kartoj montras sur malhelverda fundo la helan verdan stelon kaj kiel simbolo de la societo rubandon da blankaj Leontopodioj alpaj, la unua sur ruĝa fundo, la alia montrante la blankan kruĉonen ruĝa kampo.

Gratulante la artistinon kaj la societon pro tiel efika eldonaĵo ni tre rekomendas la aĉeton de la kartoj kiel bela kongrea memoraĵo al la kongresanoj. F. S.

* * *

*El Hindolando.*

Estimata Sinjoro!

Ni prenas la liberecon skribi al vi por peti ke vi bonvole penos por havigi al ni la servojn de iu energia Esperantisto ĉeestonta al la Kongreso pri la donaco de helpo al ni, pri la afero jena.

Nia klubo eldonas ĉiumonatan jurnalon Hindujan esperante, kaj ni deziras multe havigi por ĝi rakonteton en esperanto pri la II-a Kongreso.

Vere tio estus grandega propagandilo. Eble vi konas iun amindan esperantiston, kiu nin tiamaniere helpus?

Esperante, ke la dua Kongreso estos okazo eĉ pli tutmondfama kaj elsukcesa ol la unua, ni estas fide via. B. WAUGHAN,
Marikappam, Mysore State, South India.

* * *

## Tra Svislando

La daŭrigo de propagandaj paroladoj en la lingvo germana, franca kaj esperanta farita de sinjorino Rosa Junck kaj respektive de S-roj Schneeberger kaj Privat havis grandegan sukceson.

Oni skribas el Zurich : « La esperantistoj ne povas deziri pli bonan propagandistinon ol S-no Junck el Bordighera, kiu havas la famon de bonega deklamistino. Ŝi sukcesis prezenti al ni la lingvon internacian per plenega bonsoneco, profunda sento, kaj eleganta trankvileco. Ŝi aktis en « Ein Stüdchen esperanto » kaj deklamis multajn versojn, kiuj tuŝis la korojn. S-no Junck eleganta maljuna sinjorino entuziasmata por Esperanto formis la spritan centron de la tuta vespero kaj estus certe ankaŭ sukcesinta varbi per sia fajro arojn da aliĝantoj eĉ por Volapük, kiel ŝi faris por la bela kaj bonsona lingvo internacia Esperanto ».

La sekvantan matenon S-no Junck havis la honoron enkonduki esperanton en la Komercan Akademion de S-ro Bertsch. Tiel la afabla direktoro malfermis la pordon al la Progreso en sia internacia lernejo « Concordia », kaj li mem kun sia edzino, kun profesoroj kaj lernantoj aŭskultis tre atente la germanan paroladon de S-no Junck, kiu post klarigo de la gramatiko, daŭrigis en Esperanto kaj estis komprenata.

Oni tuj aĉetis kaj mendis gramatikojn kaj aliajn librojn.

En Berno kie S-no Junck klarigis ĉiam ŝercante la esperantan gramatikon en la plenigita ĉambregoni tre bone komprenis, oni deziris librojn, gramatikojn, kaj montris la plej grandan intereson.

En Neuveville, Rolle kaj Nyon okazis la lastaj efikaj paroladoj.

S-no Junck paroladis en du semajnoj en 10 diversaj urboj kaj varbis multe da aliĝantoj kaj entuziasmuloj.

## VOJAĜANTARETOJ

Kelkaj personoj vojaĝis per Esperanto irante de grupo al grupo. Mallonga ara vojaĝo okazis post Bulonja Kongreso. Inter tiuj du bonaj vojaĝmanieroj estas lokigota alia ankoraŭ pli praktika, pli agrabla, pli utila por profito kaj propagando. Mi celas iradon de vojaĝantaretoj de du ĝis dek anoj de diversaj landoj kiuj uzus Esperanton inter si. Pli granda aro estas dividota.

Oni povas formi piedajn, fervojajn, bicikletajn, motorbicikletajn aŭ veturilajn irantarojn; laŭ alia vidpunkto, kondukatajn aŭ liberajn irantarojn. En la unuaj, neniu konas la lingvojn de la trairotaj landoj, la aretoj iros de Esperantistoj al Esperantistoj, gvitata de ili. Kontraŭe la duaj enhavas unu aŭ du anojn kiuj agos kiel tradukantoj kaj gvidantoj. Tiela aro povos ĉien iri.

La anoj promesus :

1-e, Paroli nur Esperante inter si,

2-e, Viziti kaj kuraĝigi la Esperantistojn,

3-e, Skribi siajn nomojn en la plej multnombraj hotellibroj kaj vizitlibroj kun kelkaj vortoj enlandlingvaj por dire ke ili vojaĝas per Esperanto.

Ekzemple : Sinjoro R. Dana,
» A. Hispana,
» D. Sveda,
» E. Itala,
» N. Angla,
» K. Rusa,
» L. Franca,

vojaĝante per Esperanto, ĉar nur Sinjoro R. parolas germane.

4-e, Disdoni propagandilojn kaj lerniletojn ĉiafoje kiam ili incitos seriozan atenton, miron aŭ kuriozecon.

5-e, Elekti prefere esperantistajn hotelojn kaj vendejojn.

Supozu ke dek aretoj tiele vojaĝas, ĉiu dum 15 tagoj. Kia bona kaj disjetita propagando en la almenaŭ 150 hoteloj en kiuj oni komprenos pro vivanta ekzemplo, la utilecon de Esperanto, aŭdante tiom da fremdaj anoj interparolantaj facile. Cu tio ne incitus la atenton, ne pruvus la taŭgecon kaj necesecon de helpa lingvo kaj ne incitus la hotelistojn por lerni lingvon kiu havigis kaj havigos tian klientaron.

Tiuj aretoj estos pioniroj kiuj malfermos la vojojn, disjetos la multfruktdoneblajn semojn kaj starigos oazojn en la esperantistaj dezertoj. Post ili ĉiu povos ĉien iri per nura helplingvo.

Rimarku ke ti afero ne postulas grandan lertecon. La korespondado neceza por la organizado kaj kelkaj facilaj legadoj sufiĉas. Oni plie lernos la lingvon dum la irado. Do, tiu kiu, nun, ne konas Esperanton povos post du monatoj fari per ĝi tre interesan vojaĝon, vizitante lokojn nealireblajn por personoj kiuj konas nek la enlandan lingvon, nek Esperanton. Oni do tuj uzus ĝin. Tio, mi kredas, incitus kelkajn novajn aliĝojn.

Pensu pri la agrableco de tiu vojaĝo, pri ĝia intereso multobligata de la diradoj kaj rakontoj de tre malsimilaj anoj kaj de la tre diversaj sentmanieroj aŭ observmanieroj pri ĉiu okazintaĵo. Kiom ĝi superas somerlogadon aŭ vojaĝon kun samlandanoj.

Pripensu ĉion tion kaj vi ne ŝancelos fari ian eĉ malgrandan provon.

Mi esperas ke la gazetero bonvole akceptos presiĝi la incitiĝajn proponojn kaj la definitivajn irvojojn por montri la rezultatojn trafitajn kaj inciti la Esperantistojn proponi iliajn helpojn kaj konsilojn.



### LETERKESTO

Al kelkaj. — Estas neeble havi cilindrojn fonografajn. Tiuj, kiuj povos ilin porti al la kongreso estos utilaj al la organizantoj.

Al D-ro Asnes, St-Peterburg. — Antaŭ unu monato mi sendis al vi leteron kun ok rubloj. Nun ĝi revenas kun surskribo "foririnta". Volu sendi al mi detalan kalkulon de mia ŝuldo kun la komerca rabato, kaj doni ĝustan adreson kie mi povos sendi la monon.

Al Sinjoro Gonzales, Manzanares. — En nia lasta noto al vi estis eraro. Fr. 4 estas pesetoj 4 40, tio estas per markoj, 4 90, kaj ne 6 kiel ni erare kalkulis. Vi do ŝuldas nur al ni 0 90 pes.

Al kelkaj. — Via abono finiĝanta kun la nuna numero, ni konsilas al vi ne prokrasti sendi al ni la pagon de via reabono, por ne suferi interrompon en la ricevado de la gazeto. La prezoj estas : en Franc-kaj Svislando 3 fr. en aliaj landoj : 3 fr. 75. Poŝtmarkojn ĉiulandajn ni akceptas, sed oni volu aldoni 10 % plie.

Parizo. — Ni tre deziras havi korespondantojn en ĉiuj "arrondissements" de Parizo. Ni petas la personojn, kiuj sin interesus pri tiu, postuli de ni la respondajn prospektojn,

La *Stelinsignoj-premioj* estos donacataj senpage al la novaj senperaj abonantoj *nur ĝis la kongreso!* Poste la insigno kostos ĉiam 1 fr. kiel antaŭe! Servu vin dum ĝi nenion kostas!



## TEATRA VESPERO

### GRAVA AVIZO

La Gekongresanoj, kiuj ekintencus akcepti roletojn por la teatraj riprezentadoj (29-a kaj 31-a de Aŭgusto) estas petataj informi nin al la Kongresa Oficejo.

Por la Komisio,
Emmanuel DECREY

### LA BLINDULO

De Emilo CHERBLANC

La mistera ombro
lin envolvas, tenas,
per ordonema surpremo :
li ne vidas;
estas kaverno senlima
lia okulo senluma.

En lia spirito
lampo flama brilas
kies feliĉigas lumo :
li pripensas;
lia penso estas universo
lumigata de tremfajro.

Post nokto malluma
jam al li ridetis
tagiĝo promesoporta :
li silabis.
En sia malliberejo
palptremiĝis lia revo.

Sed nun en la mondo,
senlime, senhalte,
estos ĉie respondanto
kompreneble;
Esperanto ora flugil'estas
ekflugante lin elportas.

## La silenta Akademio

aŭ La Emblemoj

En Amadona estis fama akademio, kies la unua regulo tion ĉi enhavis : « La Akademianoj multe pripensos, ili ne multe skribos, kaj la kiel eble plej malmute parolos! »

Oni nomis ĝin : La silenta akademio, kaj ne ekzistis en Perslando vera scienculo, kiu ne deziris esti aliĝita al ĝi. La doktoro Zeb, verkinto de malgranda bonega libro, titolita : « La buŝa ŝtopilo » sciiĝis de la fundo de sia provinco, ke neokupata sidejo ekzistis en la silenta akademio. Li tuj forveturas, alvenas en Amadonon kaj sin prezentas ĉe la pordon de la kunsidejo, kie la akademianoj estos kunigataj; li petas la pedelon ke li transdonu al la prezidanto la jenan bileton : « D-ro Zeb humile petas la liberan sidejon ». La pedelo tuj plenumas la komision, sed la D-ro Zeb kaj la bileto alvenis tro malfrue, la loko estis jam okupita.

La Akademio estis iom malkontenta pri tiu ĉi kontraŭaĵo, ĝi estis akceptinta iom kontraŭvole spritan kortegulon kies la viva kaj negrava elokventeco miregigis ĉiujn stratetanojn, kaj ĝi devigis rifuzi la doktoron Zeb, « Terurilo de l'Babilemuloj » tiel konvena kapo, tiel bone ordigita! La prezidanto kiu devis preni sur sin sciigi al la doktoro tiun malagrablan novaĵon, ne povis decidiĝi kaj tute ne sciis kiel fari.

Pripensinte momenton, li plenigis grandan pokalon je akvo, sed tiel plena, ke eĉ unu guto plie sufiĉus por superverŝigi la likvaĵon; poste li mane signis ke oni enkonduku la kandidaton. Li do sin prezentis kun tiu simpla kaj modesta mieno kiu preskaŭ ĉiam elmontras la veran meriton. La prezidanto leviĝis kaj neel parolante unu vorton, montris al li kun malĝoja mieno, la embleman pokalon tiel ĝuste plenan!

La doktoro komprenis tre bone ke ne restis plu lokon liberan, ĉe la akademio, sed ne perdante kuraĝon, li penas komprenigi ke super nombra akademiano nenion malordigus. Li ekvidas antaŭ siaj piedoj rozfolion : ĝin preninte, li metas ĝin sur la akva supraĵo, sed tiel delikate, ke eĉ unu guto ne superverŝis. Je tiu genia respondo, ĉiu aplaŭdas; tiun ĉi tagon oni preterpasis la regularon, kaj doktoro Zeb estis akceptata kun entuziasmo. Oni prezentis al li la akademian registron, en kiu la novaj akademianoj devas enskribi sin mem. Li do en ĝi skribis sian nomon, sed, laŭ la kutimo, li devis elparoli dankan frazon. Kiel akademiano vere silenta, doktoro Zeb dankis ne dirante unu vorton. Li skribis en la marĝeno la nombron 100, ĝi estis tiu de liaj novaj kunfratoj, poste nulon, metante la ciferon antaŭe : 0100, li skribis sube : "Nek pli, nek malpli ili valoros."

La prezidanto respondis al la modesta doktoro kun tiom da ĝentileco, kiom da spriteco. Li lokis la nulon post la nombron 100 kaj skribis : ili valoros dekoble pli = 1000.

Esperantigita de F-no Zabilon d'Her.

## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esperantistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono : sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas : 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstro-hungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero : 40 centimoj ; numero de la Kongreso : 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempaĵoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ciuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj ; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio : S-ro Montrosier, 8*bis*, rue de l'Ecu d'Or, Orléans ; Administracio . 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France.

**Espero Katolika,** 32-paĝa revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare : 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraŭa, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza) · 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono : 7 fr. (en Franclando 6 frankoj). Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart. ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto : 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate. Literaturaĵoj, teatraĵoj, karikaturoj. Jara abono : 2 fr. 50. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

* * *

**L'Esperantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E,), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo : 3 fr. 50; kun enskribo en la Francan Societon : 4 fr. ĉie. —

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono : 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu : J· Coox, Duffel, Belgique.

**Svisa Espero**, oficiala organo de la Svisa Esperantista Societo (S.E.S.), Jara abono (kun membriĝo de la S.E.S) en Svislando 2 fr. en aliaj landoj 2.50. Sin turni al S-ro D-ro Th. Renard, 6, Vieux-Collège, kaj por Franclando Arlod (Ain). – IV-a jaro.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio kaj Redakcio · Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) – Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La detalaj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso : Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

Aliaj gazetoj ekzistas en lingvoj bohema, bulgara, hispana, hungara, sveda, ktp. Informojn laŭ peto al « Esperanto ».

## « LA REVUO »

Internacia monata literatura gazeto
kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof.

Tiu nova speciala Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura; ĝi enhavas : novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintaĵoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. en Franclando ; 7 fr. en aliaj landoj. Ciu numero enhavas almenaŭ 48 paĝojn. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

